8-a jaro. — N-ro 5 (87) Majo 1922.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1922

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle):

| | | |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | fr. | 5.— |
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. | 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. | 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. | 50.— |

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, urbestro, Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
O. ORBAN, Profesoro de la Universitato, Liége.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, hemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

## Oficiala Organo de la Ligo

# "BELGA ESPERANTISTO"

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Internaj kovrilpaĝoj: samaj prezoj + 50 %.
Dorsa kovrilpaĝo : samaj prezoj + 150 %.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Generala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.
Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

### MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA GENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

### DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpeno Grupo Esperantista: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstraat.
» La Verda Stelo, S-roj G. Vermandere, M. Jaumotte.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge. F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent. C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Mechelen: Grupo Esperantista Axel Baesens, Statiestraat, 16.
St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.
Sclessin : Luna en Mans.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy.
J. Herion, rue des Raines, 8.

8a Jaro — Majo 1922 — N° 5


# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto : FRANS SCHOOFS 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen

Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


# Belga Ligo Esperantista

## KONGRESO DE 1922

Estimata Samidean(in)o.

Ni havas la honoron sciigi al vi, ke la XIa Belga Esperanto-Kongreso okazos ĉi tiun jaron en Sint-Nikolaas (St-Nicolas) (Waas) dum la Pentekostaj festoj (4an-5an de junio).

Ni faras varman alvokon al ĉiuj niaj gesamideanoj por ke ili ĉeestu multnombraj nian XIan kongreson, kies programo estas tre alloga kaj tre bone kunmetita.

Por helpi la organizantojn, kiuj nenion ŝparis por igi agrabla la restadon de la kongresanoj en Sta-Nikolao, ni petas, ke la grupestroj kolektu la aliĝojn de siaj gegrupanoj kaj tuj sendu ilin al la ORGANIZA KOMITATO DE LA KONGRESO, 3. REGENCIEPLAATS, Sint-Nikolaas (Waas).

Ĉiu faru sian devon kaj la kongreso estos granda sukceso! Ĉiuj do al Sankta-Nikolao!

Bonvolu akcepti, estimata Samidean(in)o, la esprimon de niaj plej sinceraj sentoj.

Je l' nomo de «Belga Ligo Esperantista»:

La Ĝenerala Sekretario. HENRI PETIAU.

La Prezidanto, A. J. WITTERYCK.

PROGRAMO DE LA
XIa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO EN STA-NIKOLAO.
(4an-5an de junio 1922)

(Vidu la programon aperintan en la N° 3-4 de B. E.)

TAGORDO :

A) de la Malferma Kunsido de la Kongreso.

1. — Malferma parolado de la Prezidanto.
2. — Raporto de la Ĝenerala Sekretario pri la Esperanta movado.
3. — Raporto de la Kasisto pri la financa stato.

4. — Aprobo de la ŝanĝoj al la regularo proponitaj de la Komitato.
5. — Disdono de la diplomoj pri simpla kaj profesora kapableco.
6. — Eventualaj komunikaĵoj.

B) de la Ĝenerala Labora Kunsido de «Belga Ligo Esperantista».

1. Pri kelkaj ĝeneralaj principoj observindaj en la esperantaj tekstoj. S-ro. L. Champy.
2. — Elekto de Lokaj Delegitoj de B. L. E. S-ro. Schoofs.
3. — Diversaj proponoj.

LEGU ATENTE :

La kongreskarto kostas 5 frankojn.
La prezo de la partopreno en la festeno 15 Fr.
La prezo de la partopreno en la ekskurso 3 fr.
La Organiza Komitato sin okupas pri la loĝado.
La gekongresanoj povas rezervigi al si dormoĉambrojn :
por unu persono: je fr. 4, 5, 6, 7, 7.50, 10.—, 12.
por du personoj: je fr. 10 ĝis 15.
Komunajn dormoĉambrojn kun apartigitaj litoj: je Fr. 2.
Pliajn informojn volonte havigos S-ro. Omer Pauwels, Regencieplaats, Sint-Niklaas.
La grupoj alportu sian grupflagon kaj poresperantajn surskribojn!

# Belga Federacio de Junaj Esperantistoj

GRAVA ALVOKO: Dum la venonta nacia kongreso okazos la unua kunsido de la B. F. J. E., sekcio de nia Belga Ligo Esperantista. Estos priparolata la nuna stato de la junula movado en Belglando. Ĉiu junulo, kiu interesas sin je tiu afero, devas nepre ĉeesti tiun kunvenon. Ankaŭ la aliaj Esperantistoj, kiuj povas helpi ĉe la starigo de junularoj, estas kore invitataj!

Rob. BROECKHOVE.
Prezidanto de Esp. Junularo de Antverpeno.

# Diversaj informoj

STUDENTA LIGO ESPERANTISTA (Vidu B. E. 1921, paĝoj 174, kaj 209).

ESPERANTA LIGILO-VESPEROJ (Vidu B. E. 1922, paĝo 4).

Kiu deziras ricevi informojn pri tiuj du organizaĵoj sin turnu dum la XIa Belga Kongreso en St-Nikolaas al V. Hendricx, kongresano.

# Belga Ligo Esperantista

KUNSIDO DE LA EKZAMENANTA KOMISIO, EN ANTVERPENO, LA 14AN DE MAJO 1922a.

Akiris la diplomon pri profesora kapableco:

S-roj Beaujean Ch., Broeckhove, Rob., Clémeur Raoul, Coene Victor, De Ketelaere Morris, F-ino Hansen Adr., S-roj Jaumotte Maurice, Karnas Juul, Michiels Henriko, Schroeyers Constant, Van Beughem, Edward, F-inoj Van Ganse Alice, Van Oeckel Irène, S-roj Verreeck Jaak, Verstrepen Camille.

Akiris la diplomon pri simpla kapableco:

S-roj Dupré Klemento, Van Heukelen Louis, Van Schoor Jan.

KUNSIDO DE LA EKZAMENANTA KOMISIO, EN BRUSELO, LA 21an DE MAJO 1922a

Akiris la diplomon pri profesora kapableco:

F-ino Deltombe Paŭla, S-ro Haine Edouard, F-ino Obozinski Simone, S-roj Van Aelst Maurice, Van Vynckt Henriko.

Akiris la diplomon pri simpla kapableco:

S-ino Baez-Guillier, F-ino Deltombe, Lina.

La Juĝantaro:
F-ino M. A. Jennen, prezidantino;
Albert Maertens, J. Jacobs, membroj.

# Por la Monumento Zamenhof

KVARA LISTO

| | | |
|---|---|---|
| Bruĝa Grupo Esperantista | Fr. | 25.— |
| S-ino Felicie Staes, Bruselo | » | 5.— |
| Grupo «Tagiĝo», Ledeberg | » | 72.— |
| S-ro L. Ritschie, Antwerpen | » | 10.— |
| F-ino Obozinski, Bruselo | » | 5.— |
| | Fr. | 117.— |
| Antaŭaj listoj: | Fr. | 591.— |
| Sumo : | Fr. | 708.— |

(Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto, 284.20, Antverpeno).

# Friponajo

(POPOLA RAKONTO)

Du ruzaj ĉarlatanoj, alveninte en urbeton, anoncis ke, post dek tagoj ili iros en la tombejon, kaj antaŭ la okuloj de ĉiuj ĉeestantoj, ili tie revivigos unu mortinton, kiu eliros el sia tombo kaj reokupos sian lokon inter siaj familianoj.

Por ke la urbetanoj plene konfidu en ilia povo, ili montris atestojn skribitajn de la urbestraro de pluraj aliaj urboj.

Ili anoncis ankaŭ, ke ili povas samegale resanigi ĉiujn malsanulojn.

Tial ĉiutage ilia ĉambro pleniĝis je malsanuloj, al kiuj ili altpreze vendis herbajn kuracilojn. La sanuloj mem — kiuj kutimas venigi malfrue la kuraciston, kaj nur en la plej gravaj malsanoj — aĉetis tiujn drogojn por la venontaj malbonaĵoj.

La monujo de la du friponoj pleniĝis je arĝentaj kaj oraj moneroj, kaj ĉiuvespere kalkulinte la enspezojn, ili longdaŭre ridegis pri la malspriteco de la homoj.

Tamen alproksimiĝis la tago difinita por la restarigo de la mortinto, kaj kvazaŭa maltrankvileco eksentiĝis, ne ĉe la du ĉarlatanoj, sed ĉe la loĝantaro inter kiu ĝi rapide disvastiĝis.

Pri la ebleco de la revivigo neniu dubis; sed ĉiu demandis sin: «kiun ili revivigos?» La antaŭtagon de l' mateno difinita por la revivigo, la plej riĉa bienhavanto de la urbeto alvenis kaj petegis la ĉarlatanojn ke ili ne revivigu lian edzinon, ĉar ŝi havis tre malbonan karakteron. La du ruzuloj diris, ke ili ĝuste intencas restarigi riĉan virinon, ĉar malriĉulino estas pli feliĉa en tombo ol sur tero. Sed la riĉulo prezentis grandan sumon da mono, kiun akceptis la trompantoj, promesante ke ili ne finigos lian trankvilan vivadon.

Iom poste, alvenis du junuloj, kiuj antaŭ kelkaj monatoj estis heredintaj de sia onklo. Ili ankaŭ donis plurajn orajn monerojn, por ricevi promeson, ke la du ĉarlatanoj ne restarigos ilian onklon.

Vidvino venis plorante. Ŝia edzo mortis antaŭ unu jaro, kaj ŝi estis baldaŭ reedziniĝonta.

Venis multaj aliaj, kaj ĉiu malpleniginte sian monujon, eliris kun kvietiga promeso de la du ruzuloj.

Tamen granda nombro da loĝantoj timante ankaŭ, ke la du ĉarlatanoj revenigu nedezirindulon, sendis delegitaron al la urbestro por peti, ke li fermu la pordon de la urba tombejo.

La urbestro, kiu de kelkaj semajnoj estis perdinta sian bopatrinon, ekkaptis la okazon. Vespere li venigis la du fremdulojn, kaj petis, ke ili dum la nokto eliru sekrete el la urbo. Sed la ĉarlatanoj rifuzis: «Ne! Sinjoro Urbestro,» ili ekkriis, «tio estas neebla! Ni promesis, kaj ni estas honestuloj, kiuj plenumas ĉiam siajn promesojn. Tiu nokta forkuro estus malhonoriga por ni: Oni rigardus nin kiel trompantojn. Laŭ nia promeso kaj por ricevi de vi bonan ateston, ni do revivigos unu mortinton. Sekrete ni diros al vi, ke por danki vin, ni intencas restarigi la patrinon de via edzino.»

Tiuj paroloj plenigis je teruro la koron de la urbestro.

Iom poste, elportante lian monujon, kune kun atesto, ke ili resanigis ĉiujn malsanulojn de la urbo, kaj revivigis unu mortinton, la du friponoj forlasis la urbestron, kaj ekvojiris por rekomenci sian trompaĵon en alia urbo. D-ro A. Melin. Andenne.

# La Senmortulino

(POPOLA LEGENDO)

Seninfana vidvino estis riĉega, kaj ŝi demandis sin, kiel ŝi uzos sian monon.

Ĉar tre pia ŝi estis, ŝi konstruigis belegan preĝejon, kaj tien ĉiutage irante, ŝi sentis sin tre feliĉa en la domo, kiun ŝi estis dediĉinta al Dio.

Tamen, iom post iom, dolora penso naskiĝis en sia koro: la morto iam devigos ŝin, forlasi tiun amatan preĝejon por la malluma tombo.

Tiu ĉiumomenta kaj neforigebla penso plenigis kaj malĝojigis ŝian spiriton. Ian tagon, post longa plorado, ŝi al Dio preĝis jene: «Dio mia, mi konstruigis al Vi preĝejon, kiu maltimas la jarcentojn; sed mi? Ĉu iam vi min devigos ĝin forlasi? Bonvolu, ĉionpova Dio, ke mi tiom longdaŭre vivadu, kiom staros mia preĝejo.»

La preĝo de la pia vidvino supren iris la ĉielon, kaj Dio aŭdis ĝin.

La morto faligis ŝiajn najbarojn, amikojn kaj parencojn, sed ĝi preterpasis ŝian pordon.

La vidvino vidis multajn generaciojn da infanoj naskiĝi, grandiĝi maljuniĝi kaj morti, kaj ŝi ĉiam vivadis.

Meze de la militoj, de la pestoj, de la katastrofoj, kiuj tra la tuta mondo mortigis milojn kaj milojn da homoj, ŝi daŭrigadis vivi.

Ŝi tiel longtempe vivadis, ke ŝi trovis plu nek parencon, nek amikon nek konatulon, kun kiu ŝi povus paroli.

Ŝi fariĝis nekonatulino, kaj misterulino por ĉiuj.

La tempo de ŝia junaĝo, pri kiu ŝi volis paroli estis de longe forgesita de ŝiaj samurbanoj; kaj eĉ la lingvo, kiun ŝi uzis, estis preskaŭ nekomprenebla en la lando, kie ŝi estis naskiĝinta kaj ĉiam vivanta.

Ĉio tio, kion ŝi ne estis antaŭvidinta, tre enuigis ŝin, sed ŝia spegulo vidigis al ŝi ion pli gravan kaj ĉagrenigan.

Ŝi jam estis preĝinta al Dio por ricevi de li longdaŭran vivadon, sed ŝi estis forgesinta, peti samtempe senfinan junecon. Dio estis doninta al ŝi nur tion, kion ŝi estis petinta. Tial ŝi pli kaj pli maljuniĝis, ŝi perdis siajn harojn, siajn dentojn, siajn fortojn. Ŝia haŭto sulkiĝis tiel, ke ŝi fariĝis nerekonebla; ŝia korpo kurbiĝis; ŝiaj membroj senmoviĝis; ŝi estis senigita je la vidado kaj la aŭdado...

Sed ŝi daŭrigadis vivi.

Kiam la tempo iom difektis la preĝejon, tuj lertaj laboristoj rebonigis ĝin; sed ŝi trovis nek kuraciston nek kuracilon, kiu povus redoni al ŝi belecon, junecon aŭ eĉ iom da forteco.

Fine, la vivado fariĝis por ŝi netolerebla ŝarĝo.

Tiam ŝi preĝis al Dio, ke Li sendu al ŝi la morton; sed la preĝejo ĉiam firme staris, kaj ŝi, laŭ la Dia promeso, estis devigata vivadi tiom longdaŭre kiom ĝi.

Ŝi komprenis, kiel malsaĝa ŝi estis petante de Dio surteran rekompencon kaj postulante ke por ŝi sola, Li aliigu la ordinaran iradon de la naturo.

Senfina vivado ne estas dezirinda sen ĉiama juneco.

D-ro A. MELIN, Andenne.

# Militimpreso

Kiam, juna revemulo, aŭ senzorga rentulo aŭ multokupata komercisto, laŭiras la bulvardon Camille Lemonnier en Bruselo, li, en tiu gaja varmeta majvetero, ne plu pensas pri la milito kaj la bataloj.

Tiuj malfeliĉaj okazintaĵoj estas jam tiel malproksimaj de ni, ke ili jam ŝajnas stompitaj en la tempodaŭro.

Feliĉaj homoj!

Tamen iuj scias, ke tie, tutproksime ekzistas la panoramo de la Yzer.

Kiam, tra longa mallarĝa koridoro, oni alvenas en la tranĉeon, el kiu oni havas vidon sur Yperen detruita, la malhela ĉielo, tiel bone pentrita de la artisto Bastien, ŝajnante fulmoplena, instinkte nin puŝas al levo de nia vestkolumo kaj, niaj rondvagantaj okuloj vidas tiom da mizero, pentrita tiel realece kaj emociige, ke neniu povas kontraŭstari la nedifineblan senton de sveneto, premanta nian koron, kiu iĝas tiel eta, ke ni sentas nin, antaŭ tiu impone granda scenego de perforta detruado, tiel malgrandaj, ke ni ne eviteble repripensas la kruelaĵojn de la milito antaŭa, de ĉiuj la militoj estintaj, de la milito ĝenerale. Kaj nia koro silente kantas La Esperon ne plu revidi tiujn malfeliĉaĵojn.

Kaj ekstere, la gaja suno ankoraŭ longtempe jetos sur nin siajn orajn radiojn, antaŭ ol ni estos forgesintaj la profundan impreson, kiun lasis super ni la vido de tiu artplena ĉefverko.

Kaj post tiu revido de la militdoloro, ni estos ankoraŭ pli fieraj, esti esperantistoj, kaj kunlabori al movado, kiu sendube estas la plej potenca ilo por pacigi homojn kaj naciojn.

M. MOITTEAU.

# La Noktgardisto

En malnova urbeto vivis maljuna noktgardisto. Estis tre bone, ĉar neniu vilaĝo nek urbo en granda ĉirkaŭaĵo estis tiel paca kiel tiu ĉi. Por kontroli la gardiston, estis kutimo ke ĉiufoje, kiam li preterpasis la domon de l'urbestro, la pastrejon, la bierfarejon, li fajfis trinotan arieton. Kaj tiu ario estis fariĝinta en la urbeto tiel kutima, ke ĉiu, ĝin aŭdinte, kviete turnis sub siaj kovriloj, kaj ke neniam ankoraŭ oni sonĝis pri ŝtelistoj nek mortigantoj.

Sed iun nokton, estis terura, vintra uragana nokto, la fajfo de la gardisto ne aŭdiĝis. Neniu dormis en la tuta urbeto. Matene, granda emocio! La urbestro venigis la gardiston kaj petis, kial li ne faris kiel kutime. — «Sinjoro urbestro,» respondis la grizharulo, «ne, mi ne fajfis tiun ĉi nokton, sed estas ĉar hieraŭ mi perdis la lastan denton, kiu al mi ebligis fajfadon.»

Pli granda emocio! Antaŭ tiu grava problemo, la urbeto kunvenigis

la urban konsilantaron, kiu, post longa diskuto, alprenis proponon de la bieristo, kiu estis jena: «Oni sendu la gardiston al la urbo, por ke li aĉetu novan dentaron.»

Kaj tiel estis farite. Jam la morgaŭan tagon, la gardisto staris antaŭ la konsilantaro, urĝe rekunvokita, kaj li havis efektive dentaron, kiel li neniam estis posedinta. Neniu ĉeestanto estis iam koninta lin tiel junaspekta. Kaj fajfi, sed fajfi, fajfi kiel merlo ĉe sia nesto, escepte ke la spiro de la gardisto estis pli mallonga ol tiu de la merlo.

Vespere, ĉiu restis sendorma en sia lito, por aŭdi kiel bele oni fajfas per nova dentaro, aĉetita enurbe. Sed ve, neniu ion aŭdis: Plej granda emocio!

Matene la urbestro kaj la jam kunvenintaj konsilantoj petas la venigitan gardiston: — « Petro, kial vi ne fajfis dum la nuna nokto, vi ja havas dentojn nun.» — « Jes, sed la sinjoro de la urbo diris, ke nokte mi devas ilin meti en glason da akvo.»

S.

# Belga Kroniko

ANTVERPENO. Ĉe la Grupo de Esperantistaj Diamantistoj komenciĝis nova kurso kun 25 gelernantoj, precipe gejunuloj. La kurson gvidas S-ro. Jos. Swalf.

«Y. M. C. A.». — Sekve de la parolado farita de S-ro. F. Schoofs, okazas nun kurso gvidata de tiu sama samideano.

ĈE LA VERDA STELO. — La 24an de Februaro okazis la ĝenerala kunveno de ĉi tiu grupo. La Sekretario raporte klarigis al la membroj pri la efika agado de la Societo dum la pasinta jaro. Estis plendetala raporto, kiu sendube donis al la membroj malgrandan ideon pri la agema gruplaboro kaj kiu montris, ke «Verda Stelo» povas ĝoji pri diversaj akiritaj sukcesoj. La Kasisto raportis pri la financstato de la grupo. Poste, okazis la priparolado de la tagordo. La kunveno havis festan karakteron. Post la pritraktado de la administra parto okazis agrabla kunesto, kiu konsistis el deklamaĵoj kaj dancado. Samideana atmosfero regis dum la tuta vespero.

La 2an kaj 4an de majo komenciĝis kvar novaj kursoj. En la unuaj lecionoj entute partoprenis 140 novaj lernantoj. Faras la kursojn S-ro Fr. Schoofs.

BRUĜO. — La gelernantoj de la «BRUĜA GRUPO» organizis la 13an de aprilo, surprize, vesperfeston por danki S-ron. Dervaux, la gvidanton de la ĵus finiĝinta kurso por komencantoj; samtempe ili dankis sian prezidantinon, kiu okaze de ĉiu leciono raportas pri la plej interesaj faktoj de la antaŭenirado de Esperanto. F-inoj. Alice Boereboom kaj Beatrice Ronse, S-ro. Julien Van Allemeersch, en la nomo de la eks- kaj novlernantoj faris alparolojn plej afablajn kaj

dankemajn. Belaj memoraĵoj estis prezentitaj al F-ino. Thooris kaj S-ro. Dervaux. La Prezidantino, tre kortuŝita, kore kaj elokvente dankis pro tiuj ĉarmaj atentoj; ŝi gratulis S-ron. Dervaux pro lia lerta kaj brila kursgvidado. S-ro Dervaux, gaja kaj ridema, esprimis sian. kontentecon pri la atestoj de dankemo de siaj gelernantoj kaj pri la efiko de sia trimonata instruado. Muzikparto ĝojigis la ĉeestantojn.

S-ro Dervaux malfermis kurson por progresantoj la 4an de majo.

BRUSELO. — En la Socialista Sindikato de geinstruistoj, S-ro Van Aelst sukcesis starigi kurson, kiu komencis la 4an de aprilo ĉe Popola Domo en Bruselo, kun 15 partoprenantoj.

GENTO. — Ĉe la «Genta Grupo» okazas ĉiumerkrede en la Universitato perfektiga kurso kaj serio da lecionoj por komencantoj okazis de la 10a de majo.

«LA PROGRESO». — La grava okazaĵo de aprilo estis la parolado, farita de Sro. De Maertelaere, ano de la stenografia sekcio, pri «Skribo Bentos aŭ tipostenografio internacia». Li pritraktis en ĝi la serĉojn kvinjarajn kiuj kondukis lin al stenografio, presebla tipografie, t. e.: per kunmeto de litersignoj. Li komparis sian alfabeton kun tiui de eksterlandaj samideanoj. Ĝi estas praktika kaj bela.

F-ino De Rycke faris en «Instruista Societo de Gento kaj ĉirkaŭaĵo» paroladon pri sia vojaĝo en Ĉeĥoslovakujo kaj la kongreso. Sekve de tio, oni petis pri kurso, okazonta dum venonta vintro.

La perfektiga kurso, gvidita de la supre nomita Fraŭlino, finiĝis per bonrezultata ekzameno.

Novaj kursoj komenciĝis la 8an de majo. Ili estas farataj de gesamideanoj Colyn kaj Somerling.

La propagando pere de «Gazette van Gent» sukcese daŭras. Aperis multaj artikoloj el esperantaj ĵurnaloj kaj kvar lecionoj de la kurso.

La serion de someraj dimanĉaj kunvenoj komencis ekskurso al Dickelvenne la 7an de majo. La dua ekskurso iros al la Belga Kongreso.

LIERO. — La unua postmilita kursokomencis kun 40 lernantoj en urba lernejo la 7an de majo je la 10a matene post parolado farita la 30an de aprilo de S-ro J. Jacobs el Antverpeno, kiun ankaŭ ĉeestis pli ol 30 membroj de la Antverpeno Grupo «Verda Stelo», kiuj kaptis tiun okazon por ekskursi al la beleta urbo Liero.

La 7an de majo S-ro Schroeyers, komencis Esperantan kurson por la lernantoj de la Ŝtata Normala Lernejo. 50 studentoj partoprenas. La lernantoj mem petis la organizon de tiu kurso.

VERVIERS. — La tiea «Pedagogia Societo» ne povas nuntempe organizi esperantan kurson por siaj gemembroj, tial ke ili estas tre okupataj pro arĥeologia kurso kies ekzamenoj baldaŭ okazos. Ili ree studos la aferon proksiman septembron.

Pro la fakto, ke la kurso ĉe la 4a grado estas laŭvola, malmultaj lernantoj daŭris sekvi ĝin; ambaŭ kursoj devis esti kunigataj. S-ro. Herion daŭras instrui kaj devigis la lernantojn je korespondado kun alilandaj knaboj, tio kio sufiĉe interesas ilin.

Lundon, 10an de aprilo, F-ino Jennen el Bruselo, parolis ĉe la «Popola Universitato» pri Ĉehoslovakujo. Tiu parolado, pli riĉigita per multnombraj belaj lumbildoj, multe plaĉis al la aŭdantaro. F-ino. Jennen ne ellasis la okazon priparoli la XIIIan kongreson internacian kaj propagandi Esperanton.

Unu el la tri kursoj komencitaj dum novembro lasta, tiu de S-ro. Dohogne, finiĝis kaj donis 6 novajn membrojn al la grupo.

La kunsidoj de la grupo okazas ĉiusabate je la 20a.

La 10an de marto parolis antaŭ la «Verviers Section of the Anglo-Belgian Union», en la ĉambrego de la «Beaux Arts», S-ro. Geo F. Steward, de la Brita Ambasadorejo, en Bruselo, pri «British Journalisme Its influence on National Life». Post mallonga historio de la gazetaro ĝis dum la milito, la parolanto atentigis pri la potenco tutpova kiun havas tiu mirinda ilo, rilate al ĉies vivo, kaj fine asertis, ke la gazetara movado evoluas al internacieco. Li menciis diversfoje la malhelpon de la diverseco de la lingvoj, tamen ne donante rimedon kontraŭ ĝi. Jen vastega kampo por nia Esperanto! Atendante tiun tempon, kiam la internacia lingvo estos pro devigo adoptita en tiu medio, la propagandistoj de Esperanto ne flanklasu tiun potencan ilon (la gazetaron) sed uzu ĝin konstante kaj inteligente por la afero.

# Esperanto-film No 3

La specialan atenton de ĉiuj samideanoj kaj propagandistoj ni petas por la maja eldono de «Esperanto-Film», kiu enhavas la tekston de la grava manifesto al la tutmonda intruistaro (paĝ. 82-86). Ĉiu komprenos sendube, ke per tiu deklaro grandioza propagando estas farebla kaj devas esti farota. Pro tio la Belga Ligo cedas tiun numeron de E. F. je la samaj prezoj, kvankam ĝi estas kvarpaĝa, kiel tiuj montritaj en la antaŭ kajero de «B. E.» (Fr. 2.50 por 50 ekz.; Fr. 4 por 100 ekz.; Fr. 15.— por 500 ekz.; Fr. 25.— por 1000 ez.).

Ĉiu grupo almenaŭ devas havigi al si sufiĉe grandan provizon de tiu gravega dokumento por fari tujan propagandon kaj ankaŭ por sia estonta agado.

Mendu tuj, ĉiuokaze antaŭ la 10a de junio!

# Belga Gazetaro

La « Journal des Expositions » (Bruselo 25-3-22), internacia revuo ĉiusemajna, insistas pri la neceseco de internacia lingvo por la komercaj aferoj. « La interŝanĝoj, la bezono scii kion oni diras kaj faras trans la landlimoj, la plivastiĝo de la ekonomiaj eksteraj rilatoj, la starigo de multnombraj nacioj en Eŭropo, devigas pli kaj pli al korespondado kun

personoj diverslingvaj, kaj, estas jam neeble lerni ĉiujn fremdajn lingvojn.» — « Estas do tempo, pli ol tempo, ke oni klopodu por trovi en la haoso de la lingvoj, la konstruajn elementojn, por tutmonda lingvo.»

La ĵurnaloj de Verviers senescepte faras bonan akcepton al la komunikaĵoj, kiujn sendas al ili niaj agemaj tieaj samideanoj. Intersekve ili publikigis dum la lastaj semajnoj diversajn novaĵojn pri la kongreso de Helsinki, belegan artikolon de Ch. Richet «Une Grande Espérance: L'Esperanto », informon pri starigo de « Internacia Federacio Virina » en S. Paŭlo, avizon pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn de Verviers, komunikon pri nova kurso, kiu komencis la 9an de febr., la tekston de la deziresprimo de la Franca Ligo pri Koloni-kaj Maraferoj, raporteton pri la kunsido de la Komitato de Belga Ligo Esp., kaj fine ampleksan informon pri la diverslandaj delegitoj al la Internacia Konferenco en Genève.

« L'Express » (Liége, 22.3) enhavas informon pri nova kurso de la Lieĝa Grupo.

« De Gazette van Gent» (27,3; 3,13,20 4) publikigas unuan, duan kaj trian lecionojn de Esperanto: La 2.4. sama ĵurnalo enhavas tradukon de Artikolo « Pri Muziko en Finnlando » aperinta en « Esp. Finnlando». La 143, 23.4: interesaj «Leteroj el Litovujo» tradukitaj el «Litova Stelo ».

« La Wallonie Socialiste» (Liége, 5.4.) represas la tutan enhavon de nia «Esperanto Film» No 1, kun avizo pri la kurso de la Esp. Grupo Imitinda ekzemplo de niaj amikoj de Liège.

« Ons Woord » (Antverpeno aprilo) liveras Esperanto-angulon kun artikolo pri « Siberio sub la Bolŝevismo ».

« Forum » (Antverpeno, aprilo) kun artikolo pri la inaŭguro de memorŝtono je la honoro de D-ro Zamenhof sur la domo en kiu loĝis nia Majstro en Genève (1905), kaj en kiu estas nun la Centra Oficejo de la Internacia Ligo de Virinoj por Paco kaj Libereco.

«Gazet van Antwerpen», «De Schelde», «Lloyd Anversois», «Gazet van Mechelen» de 15/17a de aprilo enhavis komunikon pri aplikado de Esperanto por la propagando eksterlanden de la Komerca foiro en Paris.

# Universala Kongreso de Esperanto en Helsinki

HELSINGFORS, FINNLANDO, LA 6-12 DE AŬGUSTO 1922.

SESA KOMUNIKO.

1. KONGRESEJOJ. — La kanceleja komisiono de la parlamento konsentis doni je nia dispono salonojn en la Malnova Parlamentejo (Säät-

ytalo), kiu nuntempe estas uzata kiel kunvenejo de la parlamentaj komisionoj. En la Malnova Parlamentejo povos okazi ĉiuj fakaj kunsidoj. Por la malfermo esperèble okazos en la Nacia Teatro kaj por la laborkunsidoj ni intencas lui la domon de la Studentaro de la Universitato en Helsinki, kie ankaŭ troviĝas konvenaj ejoj por sekretariejo, poŝtoficejo, ekspozicio ktp.

2. AFIŜOJ. — La afiŝo, trikolora presaĵo laŭ linoleumaj kliŝoj tranĉitaj de artisto Vasström, estis nun iom post iom ekspeditaj. La esperantistaj societoj, firmoj kaj privatuloj, kiuj povas ĝin elmeti favore, estas petataj sendi al ni sian adreson por senpaga ricevo de la afiŝo.

3. FAKAJ KUNSIDOJ FINNLANDA FOIRO invitas ĉiujn foirojn partopreni per reprezentantoj, Esperante parolantaj, en faka kunsido de la foiroj.

4. «VOJAĜADO EN FINNLANDO». — La eliro de la nova eldono estas iom prokrastita ĉefe pro anonckolektado daŭrigata. Ĉiuokaze ĝi eliros sufiĉe frue antaŭ la ekveturo de kongresanoj.

5. EKSPOZICIO. — Ĝis nun ni ricevis preskaŭ nenion por ekspozicio Ni petas la samideanojn diverslandajn sendi ĉu donace, ĉu prunte, ekspozindajn aĵojn.

7. NOVAJ ALIĜOJ. — La ĝisnunaj aliĝintoj estas el sekvantaj landoj: Germanujo 30, Estonujo 23, Pollando 20, Britlando 18, Nederlando 14, Ĉekoslovakujo 10, Franclando kaj Aŭstrujo po 7, Hungarujo 5, Italujo 4, Svislando 3, Litovujo kaj Danlando po 2, Svedlando, Hispanujo, Usono, Turkujo, Kanado, kaj Japanlando po 1, Finnlando, 79, entute 230 aliĝintoj el 20 landoj.

8. HELPKONGRESANOJ. — Ĝis nun: 8 aliĝoj.

9. GARANTIA KAPITALO. — La L. K. K. danke notas entute 14100 Fmk.

10. BLINDULA KASO. — La L. K. K. danke notas entute Fmk 502.48.

11. DONACOJ. — La L. K. K. danke notas entute 6417,86 Fmk.

* * *

SEPA KOMUNIKO.

1. LA DATO DE LA KONGRESO. — Kaŭze de tio, ke la Finna Vaporŝipa Kompanio fiksis tute novan veturplanon por la venonta somero, la L. K. K. estis devigata ŝanĝi la daton de la Kongreso, La 14a kongreso: la 8-16 de aŭgusto 1922.

2. ALVETURO AL FINNLANDO, — Nuligante la sciigojn en la 19:a punkto de la II:a komuniko kaj en la 2:a punkto de la V:a komuniko, ĉitie estas sciigata la definitiva alveturplano de la «kongresŝipoj» kaj parte novaj rimarkinde malaltigitaj prezoj.

BRITA IMPERIO. —El Hull ekveturos ŝipo «Arcturus» ĵaŭdon la 3. VIII vespere alvenante al Helsinki lundon la 7. VIII matene, II:a kl.

DANUJO. — El Kopenhago ekveturos ŝipo «Oihonna» sabaton la 5. VIII je la 5:a posttagmeze, alvenante al Helsinki lundon la 7, VIII tage.

GERMANUJO. — El Stettin ekveturos ŝipo «Ariadne» merkredon la 2. VIII je la 1:a tage, alvenante al Helsinki vendredon la 4. VIII tage.

Lokoj: I:a kl. 182, II:a kl, 74, III:a kl. 12. Prezoj: I:a kl. Finn. Mk. 720: —, II:a kl. Fmk. 280: — kun lito kaj manĝo, III:a kl. Fmk. 280: — kun lito sed sen manĝo, Manĝon oni povas ricevi por Fmk. 50: — potage.

El Stettin ekveturos ankaŭ ŝipo «Rügen» sabaton la 5. VIII je la 4 ptm. alvenante al Helsinki lundon la 7. VIII matene. Lokoj: I:a kl. 208, III:a 35 (dua klaso ne ekzistas). Prezoj precize sciigotaj en venonta komuniko, sed estos verŝajne la samaj kiel en «Ariadne».

El Lübeck ekveturos ŝipo «Mira» sabaton la 5. VIII je la 2 ptm., alvenante al Helsinki mardon la 8. VIII frumatene. Lokoj: I:a kl. 16, III:a kl. 18. Prezoj: I:a kl. Fmk. 640:—, kun lito kaj manĝo, III:a kl. Fmk. 280:— kun lito sed sen manĝo.

Ĉar evidente tra Lübeck, pro la tie okazanta antaŭkongreso, alveturos pli granda aro da samideanoj, la ordinara ŝipo de tiu linio ne estos sufiĉe granda. Pro tio la L. K. K. klopodos lui apartan ŝipon por Lübeck pri kio poste estos pli precize sciigata.

SVEDUJO. — El Stockholm — al Helsinki — ekveturos ŝipo «Tornea» merkredon la 2. VIII je la 7 vesp. alvenante jaŭdon la 3. VIII vespere.

El Stockholm — ankaŭ al Helsinki — ekveturos ŝipo «Birger Jarl» dimanĉon la 6. VIII je la 7 vespere, alvenante lundon la 7. VIII vespere.

El Stockholm — al Turku-Abo. — ekveturos ŝipo «Nordstjernan» ĉiumarde, «Heimdall» ĉiujaŭde kaj «Hebe» ĉiusabate je la 7 vespere, alvenante al Turku-Abo la sekvantan matenon.

ESTONUJO. — El Tallinn (Reval) ekveturos la ŝipoj «Ebba Munck» kaj «Viola» ĉiun mardon, jaŭdon kaj sabaton matene. La vojaĝo daŭras 5 horojn.

DANZIG. — La L. K. K. ne sukcesis lui ŝipon kiu veturos tra Danzig. La sola vojo por la samideanoj vojaĝontaj tra Danzig, estas veturi aŭ fervoje aŭ ŝipe al Stettin kaj de tie uzi la supre anoncitajn ŝipojn. Inter Danzig, kaj Stettin iras la pasaĝerŝipo «Grüssgott». Ties veturprezojn nin nun ne povas sciigi.

Por la linio Antwerpen-Rotterdam-Finnlando verŝajne ankaŭ ne estos eble rezervi ŝipon. La samideanoj francaj, belgaj kaj nederlandaj pro tio devas uzi iun el la supre anoncitaj vojoj. — La vojaĝprezoj ĉi tie donitaj estas specialaj rabatprezoj por la partoprenontoj de la XIV:a kongreso. La samideanoj, kiuj deziras uzi ĉi tiujn ŝipojn, devas pri tio informi aŭ al L. K. K. aŭ al la karavangvidantoj en la respektivaj landoj plej malfrue 6 semajnojn antaŭ la ekveturo. Ĉe aĉeto de bileto kongresa karto estas montrota kiel legitimilo.

2. REVETURO EL FINNLANDO.

Al HULL (ĉiumerkrede, ekz:) «Astrea» merkredon la 16. VIII vespere (alveno 21. VIII).

«Arcturus» merkredon la 23. VIII (alv. 28. VIII).

Al KOPENHAGO (ĉiun 10:an tagon, ez:) «Oihonna» dimanĉon la 20. VIII (alv. 22. VIII.

Al STETTIN (dufoje semajne ekz:) «Ariadne» sabaton la 19. VIII (alv. 21. VIII). Prezoj samaj kiel la alveturaj.

«Rügen» merkredon la 16. VIII (alv. 18. VIII). Prezoj poste sciigotaj.

Al LUBECK (ĉiusabate, ekz:) «Aegir» sabaton la 19. VIII (alv. 21. VIII). Lokoj kaj prezoj la samaj kiel por «Mira». (rigardu alveturon). Pri ebla pli granda ŝipo estos poste sciigata.

Al STOCKHOLM el Helsinki (dufoje en semajno ekz:) «Birger Jarl» merkredon la 16. VIII (alv. 21. VIII).

Al STOCKHOLM (trifoje en semajno) el Turku-Abo: «Hebe» ĉiumarde, «Nordstjernan» ciuĵaŭde kaj «Heimdall» ĉiusabate vespere (alv. sekvantan matenon).

Al TALLINN iros ŝipoj ĉiun mardon ĵaŭdon kaj sabaton. Prezoj la samaj kiel por alveturo.

Por ĉiuj linioj krom Tallinn, ankaŭ la forveturbiletoj devas esti menditaj plej malfrue 6 semajnojn antaŭ la kongreso.

Ni atentigas la kongresanojn, kiuj eble timetas marvojaĝon, ke Baltika maro estas ĉiuflanke ŝirmata de terpartoj (kontinento, Skandinava duoninsulo, Finnlando) kaj relative profunda, tiel ke forta moviĝo de la maro ĝenerale ne okazas; aparte dum la somero la marvojaĝo al Finnlando estas belega kaj ĝuoplena. — Tute senriska estas la alveturo tra Stockholmo ĉar densa insularo ĉirkauas la tutan vojon inter Stockholmo kaj Turku. Ankaŭ la vojaĝo tra Tallinn estas en tiu rilato rekomendinda. Sed, kiel dirite, la vojaĝo tra Baltika maro estas belega, kaj kiu ĝin ĉirkaŭiras, perdas unu el la plej agrablaj ĝuoj de la kongresvizito.

3. PASPORTO. La ekstera ministerio konsentis je tio ke la kongresanoj ricevu la vizon sen formalaĵoj kiam ili montras la kongresan karton kiel legitimilon. Ni atentigas, ke la kongresanoj petu vizon «al Helsinki kaj vojaĝado en tuta Finnlando», ĉar se ili petas nur vizon al Helsinki la havigo de la vojaĝpermeso por partopreno en ekskursoj kaŭzas perdon de tempo kaj elspezojn. Pri la senformalaĵa vizo estas sendita ordono al la reprezentantoj de Finnlando.

4. ANTAŬKONGRESA EKSKURSO TRANS LA POLUSA CIRKLO. Ni informas, ke telegrafrevizoro V. Holopainen, antaŭa del. de UEA en Kristiinankaupunki, nun loĝas en Petsamo kaj estas preta gvidi kaj helpi la kongresanojn, kiuj preferos alveni tiun vojon, turisme grandiozan.

5. PRI EKSKURSOJ EN FINNLANDO ni donos novan horaron, konforman al la nova veturplano de la marŝipoj, en venonta komuniko.

6. TRAPASO. La LKK turnis sin al diverslandaj Esperantoasocioj, petante ke tiuj sin turnu al siaj registaroj, petante faciligon en la formalaĵoj de la pasporta vizo kaj en la prezoj de la vagonaroj. Ni esperas, ke ili sukcesos en siaj petoj.

7. POŜTO KAJ TELEGRAFO. La Poŝta administracio konsentis aranĝi en la kongresejo provizoran poŝtkontoron, kie povos esti ricevataj kaj forsendataj simplaj kaj rekomenditaj sendaĵoj. Sur la sendaĵoj destinitaj al tiu poŝtoficejo devos esti klare notite «XIV Univer-

sala Kongreso de Esperanto» kaj prefere la kongresa numero de la adresato. — Telegramoj al kongresanoj povos esti ricevataj en la sama oficejo, se ili estos adresataj al «Esperanto, Helsingfors». Nomo de kongresano ne estas necesa, se oni notas la kongresan numeron. — La poŝtoficejo stampos la elirantan poŝton per aparta stampilo kun teksto «XIV Univ. Kongreso de Esperanto, Helsinki 1922.»

LA LOKA KONGRESA KOMITATO.

Adreso: Poŝta (ankaŭ por monsendoj): XIV Kongreso de Esperanto, Helsinki Finnlando.

Telegrafa: Esperanto, Helsingfors.

# Blindula vivo

## KIEL MI FARAĜIS MODLISTO

de HUBERT MOUDRY. (*)

Estis dum jaro 1903 ke mi malsaniĝis pro verda katarakto de la okulo, kaj fine, post malprosperinta operacio, tute blindiĝis. Mi do estis devigata cedi mian prefesion de imposta oficisto, kaj pensiumiĝi apenaŭ tridek-kvinjara. La nekapableco min okupadi nun laŭ mia pozicio kaj la neebleco, laŭkutime legadi, desegnadi dum mia libertempo, kaj multe laboradi dum mia deĵortempo, krom tio la fakto, ke mi de nun ne havis eĉ la duonan enspezon kiel pensiulo, kompare al mia ĝisnuna oficista salajro, ĉi ĉio min tute senesperigis. Ne multe mankis, ke mi estus perforte finiganta mian vivon. Nur la konsidero pri miaj apartenuloj detenis min. En ĉi tiu mizero, la parencoj de mia edzino ekagis. Ili konsilis al ni, forlasi la Moravian urbeton Thibaŭ, la lokon de mia lasta deĵorado, kaj transloĝiĝi al Praha. Mi tie eniĝu en la «Klar» an blindulejon, por lerni toleri mian nunan staton, interkomunikante kun aliaj blinduloj.

Iom pli frue antaŭ ol ni forlasis la lokon Thibaŭ, unu el miaj amikoj estis vizitinta min Li konsilis al mi fari provon, ĉu mi ne povus modladi. Ĉi tiu propono tre ekkolerigis min. «Kion do ankoraŭ oni volas alsupozi al blindulo!» mi kriis. Sed li diris, ke, ĉar mi estis bonega desegnanto mi eble tamen povus modladi. Sed ĉi tio ne volis enkapiĝi al mi.

Kiam mi venis en la instituton, mi tie estis akceptata tre afable, kaj oni komunikis al mi, pri kio mi estos instruata. Unu el la tutunuaj demandoj de la sinjoro direktoro, estis, ĉu mi ne volus modladi, ĉar multaj blinduloj modladas. Mi tre miris pri tio, sed jesis. Ellerninte

(*) Mi demandas min, ĉu S-ro Hubert Moudry ne estas en la tuta mondo la sola blinda modelisto, kiu efektive gajnas sian vivnutron per sia profesio. Li estas bonkonata, fama malproksime ekster sia lando, sed mi legis la sekvantan rakonton de li mem, pri lia arto nur en unu Braille-gazeto, kaj tial supozas ke ĝi ne estas ĝenerale konata. (H. Th.)

post mallonga tempo la reliefan «pingletskribon« (**) kaj ankaŭ la Brailleskribon tutleteran kaj mallongigitan, mi faris la unuan eksperimenton pri modlado.

Mi ricevis pecon da argilo, kaj komencis, unue malmultkuraĝe kaj timeme, sed baldaŭ ĉiam pli kaj pli espereme. Miaj unuaj artproduktaĵoj estis simplaj, glataj vazoj kun rondteniloj. Baldaŭ post tio, mi ornamis tiujn vazojn per kverkfolioj. Pli poste diversspecajn aĵojn, vinberfoliojn kun vinberoj, fine bestojn: ursojn, hundojn, sed ankaŭ homajn figurojn, kiuj verdire estis mankohavaj. Sed ankaŭ formi florojn, rozojn, lekantojn, mi riskis. Mi ornamis ventrhavajn vazojn, per vinberfolioj aŭ vinberoj, aŭ per diversaj aliaj folioj. Mi sulketigis la eksterajn surfacojn de la kruĉojn, tiamaniere, ke ili aspektiis kiel arbaj trunkrestaĵoj. Fine mi provis imiti plektaĵojn. Sen ia ajn gvido aŭ instruo mi estis komencinta modli. Sed en la Instituto, oni ne plu vidis volonte ke mi modladis. Oni lernigis min uzadi la skribmaŝion porvidulan. Poste mi devis lerni seĝoplektadon, sed pri tio mi ne atingis lertecon. Post preskaŭ tutjara restado en la Instituto — de komenco de Majo 1901 ĝis mezo de julio 1902 — mi forlasis ĝin.

Dum jaro 1912, mi partoprenis la unuan ekspozicion kaj estis premiata kiel aŭtodidakta. Mi estis min tre perfektiginta kaj komencis en postaj ekspozicioj direkti sur min la atenton ne nur de la publiko, sed ankaŭ de la gazetaro. Mi ricevis en Praha, la arĝentan medalon, same ankaŭ en Aussig. En Olmitz, mi ricevis la oran medalon, kaj en Wien okaze de la internacia ĉaso-ekspozicio, la arĝentan.

Mi ne uzas ilojn, sed formas ĉion, eĉ la plej malsimplan per la mano senpere. Vazoj kaj ujoj ĉiuspecaj estas farataj poparte, same ankaŭ grandaj figuraĵoj, kiuj estas ĉiuj laborataj kavaĵe (malmasive).

La surfacon mi sulkete enpremas per la ungoj, same la dentetojn de folioj. Folioripoj estas enpremataj per la fingroj. Plektaĵoj estas surmetataj. Rozoj kaj aliaj malfacile formeblaj floroj estas konsistigataj pofolie. Eĉ la kapojn kaj vizaĝojn de homaj kaj bestaj figuraĵoj mi ellaboras nur senpere per la fingroj. Ĉiujn necesajn manajn ekprenmanierojn mi estis devigata propri gi al mi meminstrue, per longedaŭra, penoplena ekzercado. Malgraŭ ĉi tio hodiaŭ ankoraŭ okazas iafioje, ke iu laboraĵo malprosperas al mi, kaj mi devas ĝin rekomenci du, trifoje.

Estas ja nature kaj memkompreneble, ke keramikaj laboraĵoj prosperas al mi pli bone ol figuraĵoj. La lastaj ja estas pli malfacile modleblaj, jam pro si mem, kaj la manko je helpiloj estas des pli sentebla Mi produktadas el argilo, vakso, porcelano, krome en «Chamotte» kaj «terrakota». La du lastajn materialojn, mi uzadas ankoraŭ hodiaŭ.

(Tradukis Ignaz Krieger).

La ĉi supra biografia noto, aperinta en Esperanto Ligilo de Majo 1920, p. 183; estis baldaŭ sekvata de la jena subrubriko: Nekrologo (Esp. Lig. Julio 1920, p. 285).

---

(**) Tiu ĉi skribo estas farata per tipoj, el kiuj ĉiu havas sur unu ekstremon latinan literon, formitan el pinglopintoj. La skribado estas farata per premado sur la paperon de unu tipo post alia. Tiu ĉi skribo estas aŭ estis tre uzata en Aŭstrujo por skribi al la viduloj.

Kun bedaŭrego, ni sciiĝis antaŭ iom da tempo, ke nia Majstro modlisto S-ro HUBERT MOUDRY, de kiu kaj pri kiu ni publikigis artikolon en nia maja numero, mortis pro apoplekcio.

S-ro Moudry lernis esperanton dum la somero de 1919 kaj esperis grandan helpon kaj utilon de nia internacia lingvo. Pri siaj modlistaj sukcesoj li jam rakontis al ni, en sia artikolo; ni devas aldoni, ke, laŭ unu lia amiko, li ankaŭ faris bonajn portretajn bustojn. Tian li faris laŭ la vizaĝo de Germana duko, kaj, kiam iu rimarkis, ke tiel multbarbhava vizaĝo tamen ne estus tiel malfacilege modlebla, li ankaŭ bonsukcese modlis la vizaĝon de ŝia Moŝto la Dukino, kiu pacience permesis al la senvida artisto palpadi ŝian vizaĝon.

Ripozu en paco, nia forpasinta samideano.

H. Th.

# "Esperanto-Ligilo„ — Vespero en Verviers

Laŭ propono de nia Genta amiko Hendricx en la Jan-Febr. numero de B. E.; la Komitato de la Esperanto Grupo Verviers organizis ĵaudon 30an de marto festvesperon je l'honoro de niaj blindaj samideanoj, kaj je la profito de ilia organo «Esperanto-Ligilo».

Komencinte je la 8a, la festeto daŭris ĝis la 11a. La ĉambrego de la Popola Universitato estis preskaŭ plena, pro la ĉeesto de la preskaŭ tuta membraro kaj lernantaro de la diversaj kursoj.

La programo, entenanta diversajn kantojn kaj deklamaĵojn, tre plaĉis al la ĉeestantaro. La ĉefa prezentaĵo estis la muzika parto plenumita de F-ino Gabr. Daudeseux, blinda profesorino de fortepiano, kiu sindoneme kunlaboris kaj vere ĉarmis la aŭdantaron. S-ro Pirnay, prezidanto faris intiman paroladeton pri la nepra neceseco de «Esperanto Ligilo» por la nevidantaj Esperantistoj de la tuta mondo; li klarigis la nuntempan nefavoran monstaton de la eldonantaro de tiu utilega organo, kaj fine faris varman alvokon al la bonkoreco de ĉiuj ĉeestantoj por efike subteni ĝin.

Ne estas eble citi ĉiujn numerojn de la programo: F-no G. Jacob, multe plaĉis pro sia belega agrabla voĉo; S-ro Dauvister kantis «La Espero» kun akompano de piano kaj violono; S-ro C. Lemaire verkis por la cirkonstanco amuzan kanton pri nia lingvo. «Le double régime», triaktora franca komedieto komika, disĵetis la lastan gajar noton en la ĉambrego, kaj ĉiuj disiĝis tre kontentaj pro la bone pasigita vespero kaj pensante ke «nur la forestintoj enuis».

La monkolekto farita post la festeto havigis por «Esperanta Ligilo sumon da Fr. 60.30.

Jos. HERION.

1e Année N° 3-4 Mai-Juin 1922

# ESPERANTO-FILM

| Le numéro : 10 centimes | Paraît tous les mois | Une année : 1 franc |
|---|---|---|

Administration :
45, rue de la Petite Ourse. — Anvers



## La Conférence de Genève

L'Institut Pédagogique Jean Jacques Rousseau de l'Université de Genève convoqua une conférence internationale spéciale de tous les intéressés, afin de discuter le problème de l'introduction de la langue auxiliaire Esperanto dans les programmes d'études des écoles. Cette conférence siègea à Genève du 18 au 20 avril dernier et examina la question sous toutes ses faces. Elle réunit des instituteurs et des éducateurs de 27 pays, des représentants de 16 gouvernements et de 25 institutions et organisations internationales.

La revue mensuelle «Esperanto» et la feuille hebdomadaire «Esperanto Triumfonta» donnèrent des rapports détaillés au sujet des délibérations importantes de la conférence, qui ont abouti au vote de plusieurs résolutions, dont la principale est le manifeste, dont ci-dessous traduction:

### MANIFESTE AUX INSTITUTEURS DU MONDE ENTIER.

Nous, éducateurs venus de 28 pays et délégués officiels de 16 gouvernements, réunis au Secrétariat de la Ligue des Nations à Genève, saluons fraternellement nos collègues dans la tâche d'éclairer l'esprit des hommes.

Nous affirmons notre conviction que la cause première de l'état actuel déplorable dans lequel est plongé le monde civilisé, est la non-compréhension et la défiance, qui divisent les peuples, les uns des autres.

Nous affirmons notre conviction, que le seul remède à ce mal est l'éducation vers l'humanisme et la réalisation du principe de rapprochement international auquel travaille la Ligue des Nations.

Nous considérons comme un des plus puissants leviers pour la solution du problème de la reconstruction du monde, la langue auxiliaire internationale Esperanto et affirmons notre conviction qu'elle doit devenir à côté des langues nationales une partie du programme d'éducation dans tous pays civilisés.

Nous désirons vous faire connaître les résultats de l'expérience acquise par l'enseignement de l'Esperanto dans de nombreuses écoles de différents pays.

Nous avons constaté que pratiquement l'Esperanto suffit entièrement comme langue internationale pour tous usages auxquels une langue peut être appelée, tant au point de vue du parler que de l'écrit; à part cela il possède de remarquables qualités qui prouvent sa valeur comme instrument d'éducation.

Il a sa valeur en tant qu'auxiliaire pour l'emploi exact de la langue maternelle. Ceci se vérifie par l'amélioration de la prononciation dans

la langue maternelle, par le choix judicieux des mots, par la connaissance plus exacte de la valeur de chaque terme et par la compréhension plus facile des principes grammaticaux.

L'Esperanto facilite l'assimilation des langues modernes et classiques, allégeant la tâche et épargnant le temps de l'instituteur, expliquant les formes grammaticales, suggérant des racines internationales et habituant l'esprit des élèves à s'exprimer en plusieurs langues.

Selon nous, l'Esperanto doit être enseigné aux enfants comme première langue après la langue maternelle et introduit déjà dans le programme des écoles primaires. Ainsi l'élève, qui, encore jeune, doit quitter l'école, aura une connaissance suffisante d'une seconde langue d'usage pratique. Il montrerait, si ceux, qui entrent dans les écoles du deuxième degré sont aptes à une étude de langues plus étendue, et les élèves y seraient amenés, l'esprit déjà préparé à cette étude. Il permettrait donc une économie de temps et l'obtention de meilleurs résultats dans l'assimilation des langues. Des élèves non aptes à l'étude des langues pourraient dès lors s'appliquer à des études, répondant mieux à leurs facultés.

Nous avons constaté, que la connaissance de l'Esperanto a éveillé chez nos élèves une connaissance plus réelle, et un goût plus prononcé pour la géographie, l'histoire mondiale et même pour l'éducation morale, un plus grand et plus sympathique intérêt pour les peuples étrangers,pour leurs coutumes, leur littérature et leur art.L'Esperanto éduque les enfants vers la paix mondiale, et ancre en eux l'idéal de la Ligue des Nations. Ceci se réalise principalement par l'échange de lettres, cartes illustrées et dessins entre enfants de divers pays, par la lecture de revues internationales en Esperanto et par l'étude des littératures étrangères. Des élèves peuvent déjà correspondre après quelques mois d'étude. L'avantage moral de cette correspondance internationale est très grand.

En deux leçons d'une heure par semaine, les élèves peuvent acquérir en un an, une connaissance pratique de la langue, qu'il ne serait pas du tout possible d'atteindre en trois ans, pour n'importe quelle autre langue.

Nous soumettons ce manifeste à votre sérieux examen, et vous recommandons chaleureusement d'accélérer l'enseignement de l'Esperanto dans votre pays, non seulement pour son utilité dans le commerce, les sciences et autres terrains d'activité internationale, mais encore pour sa valeur morale, comme stimulant vers ces amicales relations, entre les peuples du monde, qui forment le vrai but de la Ligue des Nations.

Genève, le 20 avril 1922.

Etaient représentés les pays suivants: Albanie, Allemagne, Autriche, Belgique, Bulgarie, Chili, Chine, Danemark, Egypte, Espagne, Finlande, France, Géorgie, Grande-Bretagne, Grèce, Hongrie, Italie, Japon, Pays-Bas, Perse, Pologne, Roumanie, Russie, Suède, Suisse, Tchécoslovaquie, Ukraine.

Entre autres organismes représentés officiellement, nous citons: La Ligue des Nations, Le Bureau international du Travail, Le Comité international de la Croix-Rouge, La Ligue des Sociétés de la Croix-Rouge, Le Bureau international de la Paix, Le Bureau international pour les Droits des Peuples, La Ligue des Femmes pour la Paix et la Liberté, L'Association universelle des Femmes, etc. etc..

